

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (16) 4/2011, oktobro 2011

*La Amsterdama Katedro* estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 5an de oktobro 2011 kompare kun la versio de la 14a de julio 2011.

## Instruado pri interlingvistiko

La 6an septembro 2011 komenciĝis la unuasemestra kurso pri interlingvistiko. Malgraŭ longtempa paneo la universitata reto, aliĝis 14 studentoj. La kurso disvolviĝas laŭ la modelo de la lastaj du jaroj kaj sur la bazo de aktualigita versio de la kurslibro (kies reta versio estas konsultebla ene de la universitata reto; papera versio estas nur individue mendebla).

## Aktualaĵoj

- ***English as a Lingua Franca* (ELF) aŭ Esperanto.** Kune kun mia UvA-kolego d-ro László Marácz, kiu estis unu el la invititaj prelegantoj, mi partoprenis en la ILEI-simpozio en Kopenhago, la 22an-23an de julio. Nia dutaga laborvojaĝo estis subvenciita el la katedrofonduso de Esperanto Nederland kaj el la kaso de ACLC, la lingvistika esplorcentro de UvA. La 14an de septembro raporto pri nia partopreno estis sendita al Esperanto Nederland, IEI kaj la reprezentanto de IEI en la kuratoraro.

- **Mentorado.** La studento pri la angla lingvo Guido Okhuijsen dediĉis sian magistran disertaĵon al kompara leksika studo inter la nuntempaj nederlanda kaj Esperanto sub premo de la angla. Okhuijsen sukcese finekzameniĝis pri interlingvistiko antaŭ du jaroj. La magistra ekzameno okazis la 4an de aŭgusto. La reviziantoj de la laboraĵo kaj ekzamenantoj estis WJ kaj Marc van Oostendorp.

- **Librodonaco de GIL al UvA**. Komence de septembro kaj nome de *Gesellschaft für Interlinguistik* Detlev Blanke sendis stokon da libroj donace al la lingvistika biblioteko de UvA. La donaco, kiu konsistis el 17 volumoj enhavantaj la aktojn de la konferencoj de GIL de 1995 ĝis hodiaŭ kaj el 14 pliaj faklibroj pri interlingvistiko, estis ricevita de la bibliotekisto, kiu respondis per dankesprimo, aldonante *We are greatly interested in Esperanto, so they* [WJ: la libroj] *are a welcome addition to our collection*.

- **Eŭropa Lingva Konsilio** (ELC, Esperante: ELK). Kiel komisiito de UEA mi estis invitita partopreni konferencon en Bruselo, la 22an de septembro, okaze de la konkludo de la projekto *Dylan* (Dinamiko de Lingvoj kaj Mastrumado de Diverseco), kiu okazis iusence sub la egido de ELK. Samspire mi ricevis, kaj akceptis, proponon aliĝi al nova interuniversitata studgrupo, gvidata de ELK kaj nomata *Rekonsideri Multlingvecon en la 21a Jarcento*.
  La *Dylan*-konferenco estis de katastrofe malalta nivelo. Du tagojn poste la studgrupo trapasis sian lanĉan kunvenon sub la signo de multlingv**eco**, anstataŭ multlingv**ismo** (pardonu mian optimisme eraran tradukon en la julia numero de tiu ĉi bulteno), kaj sub unuflanke diktitaj gvidlinioj, kiuj lasas nenian spacon al la serioza pristudo de la diversaj **ismoj** kaj la (mal)avantaĝoj de la **ecoj**, kiuj el ili povas rezulti. Mi anoncis al UEA, ke mi eksiĝos kiel ĝia komisiito ĉe ELK kaj formulis priargumentitan rekomendon, ke UEA ĉesigu sian membrecon en ELK. Mi informis ELK pri tio, ke mi decidis eksiĝi el ĝia nova studgrupo.

- **Prelego en Utrecht:** laŭ invito de la Studenta Asocio pri Internaciaj Rilatoj (SIB) mi prelegos nederlandlingve pri la temo *Lingvaj Problemoj en Eŭropa Unio* mardon, la 1an de novembro. La parolado okazos en la hispana kulturcentro Cervantes, Domplein 3, Utrecht, kaj komenciĝos je la 19:30 horo. La invito venis de iama studentino pri interlingvistiko, kiu daŭrigas siajn amsterdamajn studojn en Utrecht kaj prezidas en SIB.

- **Prelego en Amsterdamo**. UvA vivtenas t.n. 'Specialan Prelegserion', por kiu ĝi invitas siajn 'specialkatedrajn' profesorojn paroli pri sia laboro antaŭ ĝenerala publiko. Mi enviciĝis por ĵaŭdo, la 26a de januaro, kiam mi prelegos je la 17:15 horo, pri la temo *Esperanto: planlingvo kaj lingvoplanado sub la lupeon*. La prelego estos en la nederlanda lingvo kaj direktos sin al ĉiuj interesitoj universitataj kaj eksteruniversitataj, esperantistaj kaj neesperantistaj. Unu el la celoj de UvA estas, doni al la sponsoroj de la katedro, unuavice ties jura reprezentanto kaj aliaj financaj subtenantoj, la okazon, manifesti sin publike kaj diskonigi la eventon siavice.
  En la parolado mi skizos aspektojn de la ĝisnuna lingvistika esplorado plenumita ĉe UvA kaj ilia signifo por la esperantologio, kune kun panoramo de perspektivoj por la estonteco. La adreso estas Spui 25.

- **Postkopenhaga rezulto: Marácz/Jansen en lingvistika konferenco**. De la 9a ĝis la 11 de majo 2012 okazos konferenco en Lunteren, organizata de la nederlanda asocio pri aplikita lingvistiko Anéla. Ene de tiu konferenco okazos kolokvo pri Internacia Komunikado en Eŭropo. László Marácz, kvazaŭ daŭrigante sian kopenhagan sperton, prelegos en tiu konferenco surbaze de artikolo, kiun li proponis verki kune kun WJ sub la titolo *Comparing ELF and Esperanto as a lingua franca for scientific communication*. La jam akceptita resumo (verkita de Marácz) tekstas jene:

  In recent decades, English has gained much influence as a transnational language of communication. English-as-a-lingua-franca (ELF) is in several settings, like in scientific communication the most important mode being used: there is an acceleration in the use of English in scientific publication; abstract and keywords have to be submitted in English, citation indexes include often English-language citations only and so on. It is taken for granted - erroneously in our view - that there is a correlation between the circulation of the international scientific work in English and its quality. But there is another important drawback of the dominance of ELF in the scientific field of communication. This has to do with the principle of 'fairness and equality'. Note that

there is a clear asymmetry between native and non-native academic speakers of English. Non-native academics of English are dependent for their academic career on a successful mastery of the English language which is time, energy and money consuming for them but not for the native speakers of English. Furthermore, the non-native academics are dependent on the English native speakers who set the standards and norms as editors of influential academic journals. This paper discusses the advantages and disadvantages of ELF in the field of scientific communication and its alternative a neutral, planned language like Esperanto as a lingua franca for scientific communication. We will argue that in the field of scientific communication the choice for Esperanto satisfies the principle of 'fairness and equality' much better than ELF.

- **Nuligo: seminario en Piacenza.** UvA formale subtenis la iniciaton de Davide Astori de la universitato de Parma, Italujo, kunvoki studentojn al dusemajna seminario pri interlingvistiko en aprilo 2012 en la nord-itala urbo Piacenza. Pro rifuzo de financa subteno de Eŭropa Unio la organizantoj, laŭ komuniko de la 26a de septembro, devis nuligi la aranĝon. La kandidataj studentoj de UvA estis informitaj samtage.

- **Nuligo: institucia kunlaboro inter la universitatoj de Amsterdamo kaj Liverpolo koncerne Buchanan**. En novembro 2009 mi estis invitita teni la t.n. Rememorigan Prelegon *Buchanan* en la Universitato de Liverpolo. Sekve de tio formiĝis planoj ĉe la brita esperantista asocio EAB anstataŭigi la okazigon de unufojaj rememorigaj prelegoj per pli firma, perioda aranĝo inter la universitatoj de Liverpolo kaj Amsterdamo, ekz-e dujara okazigo de komuna seminario pri esperantologia aŭ interlingvistika temo. La unua tia seminario estis planata por 2012, sed la ebla fermiĝo de la katedro en Amsterdamo (vidu sube) forprenas la bezonatan certecon pri seriigeblo de la iniciato post 2012, tiel ke la partneroj komune interkonsentis pri ĝia nuligo.

## Pri publikigoj

- **(Sen)kategorieco de la Esperantaj radikoj.** Multa laboro estis efektivigita por prepari la unuan el serio da morfologiaj laboraĵoj planataj por ekstermovada publikigo. En marto manuskripto pri la (sen)kategorieco de la Esperantaj radikoj estis formale sub-metita al internacia faka revuo kaj akceptita de la responsa redaktoro por anonima provlegado kaj prijuĝo de sia publikigindo. La negativa respondo alvenis en julio. La manuskripto estis malakceptita 'en tiu ĉi formo' ĉefe pro la troa longeco de la en-konduka skizo pri la Esperanto gramatiko.
  Pli konciza prilaboraĵo en Esperanto estas nun traktata kun la redaktoro kaj provlegantoj de *Esperantologio/Esperanto Studies* por publikigo en ties kajero 6.
  Angla relaboraĵo estos submetita al alia internacia fakrevuo post mallonga tempo.

- **Citaĵoj**. En julio aperis la (anglalingva) ampleksa rekomenda dokumento *Politikaj Rekomendoj por la Antaŭenigo de Multlingveco en la Eŭropa Unio*, verkita de 29 tuteŭropaj organizaĵoj. Plurloke ĝi parolas pozitive pri ebla rolo por Esperanto por antaŭenigi multlingvecon. El la sep ekzemploj de 'plej bonaj praktikoj', kiujn la raporto citas, du baziĝas sur la uzo de Esperanto. Ĝi enhavas citaĵojn el prelego mia en Moskvo, 2007 (sur paĝo 49 kaj paĝo 32 de la Aldono). Ankaŭ mia inaŭgura prelego ĉe UvA (2009) estas menciita, nome sur paĝo 33 de la Aldono. Publikigi estas unu afero, sed konstati, ke publikigoj estas uzataj estas multe pli grave.

- ***La vortordo en Esperanto*** estas la esperantlingva subtitolo de mia nederlandlingva doktora disertaĵo (2007). Liberiĝinte el la komerca kontrakto, sub kiu ĝi estis publikigita

la unuan fojon, mi disponigis ĝin al http://edukado.net/biblioteko/diplomlaboraĵoj, kie ĝi estas alirebla al ĉiuj interesitoj.

- ***English or Esperanto as a Lingua Franca***, la titolo de prezentaĵo farita en la inter-universitata laborkunveno en UvA, la 4an de julio, estas nun afiŝita kaj alirebla al ĉiuj interesitoj en http://edukado.net/biblioteko/dosierujo.

- ***Esperanto: a language made transparent?*** estas la titolo de la ĉapitro, per kiu mi kontribuis al speciala numero de volumo 4 (*Transparency in Functional Discourse Grammar*) de la interreta fakrevuo *Linguistics in Amsterdam* (vidu mian anoncon en la julia numero de tiu ĉi bulteno). Alklakante la jenan ligon http://linguisticsinamsterdam.nl/, oni povas konsulti kaj elŝuti la enhavtabelon, resumon kaj enhavon de ĉiu el la ses kontribuoj. Se oni volas havi komparan interlingvan rigardon de Esperanto, la epiloga artikolo verkita de la kunordiga ĉefkontribuinto estas aparte leginda.

## Estonteco de la katedro

La 1an de septembro 2013, okaze de la finiĝo de sia mandato, WJ forlasos la katedron. Internacia Esperanto-Instituto IEI, kiu estas la jura reprezentanto de la katedro, financata de ĝi kune kun Esperanto Nederland (la landa asocio de UEA), anoncis per letero de la 8a de julio, ke ĉe la fino de la kuranta mandato ĝi ĉesos subteni la katedran agadon.

Cele al klarigo de la kondiĉoj, kiuj regas la eventualan transiron de la katedra respondeco de unu jura reprezentanto al alia, WJ aranĝis kaj partoprenis kunvenon inter la koncerna responsulo en la dekanejo kaj la kuratoro Hans Erasmus, sen kunlaboro de la estraro de IEI. La kunveno okazis la 4an de oktobro. La kuratoro submetos al la interesitoj siajn proponojn por ebligi la pluekzistadon de la katedro post 2013.

## La periodeco de la novaĵletero

Ekde la venonta numero tiu ĉi novaĵletero aperos ne plu en trimonata, sed en kvarmonata takto, t.e. post tiu ĉi numero sekvos la numeroj:

- (17) 1/2012 en januaro 2012
- (18) 2/2012 en majo 2012
- (19) 3/2012 en septembro 2012
- (20) 1/2013 en januaro 2012
- (21) 2/2013 en majo 2012
- (22) 3/2013 en septembro 2012 (la lasta numero sub mia redakto).

Wim Jansen, la 5an de oktobro 2011

WJansen